15 MARTO 1908 — Unu Numero : 10 CENTIMOJ (4 Spesdekoj) — KVARA JARO. — Nº 27

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**

Unu Jaro . . . . Sm. 1.20 | Helpabono . . . . Sm. 4.—

Spesmilo (Sm.) = 100 Spesdekoj (Sd.) = 2,50 frankoj = 2 ŝilingoj = 2 markoj = ½ dolaro = 1 rublo = 2,40 kronoj austr = 1,80 kronoj Skand (proksimume).

Oni abonas ĉe la Administrejo
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)

**REKLAMO**

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 paĝo . . . . | Sm. 100 — | ¼ kolono . . . | Sm. 7.— |
| 1 kolono. . . . | » 25 — | ⅛ » . . . | » 4.— |
| ½ » . . . . | » 13.— | 1/16 » . . . | » 2.50 |

25 % por 12 anoncoj ; 50 % por 24 anoncoj

Ĝeneralaj Agentoj : G. WARNIER, 46, Rue Sainte-Anne, **Paris-2e**
C. A. L. BROWNE, 53, Wych Street, **London W. C.**

## ESTONTA EVOLUCIO
## de la Esperantista Ĵurnalaro

Mi estas multe pripensinta la gravegan demandon pri nia ĵurnalaro, pri ĝia estonteco. Al mi ŝajnas, ke ĉi tiu demando devas esti solvata kaj sendube estos solvita per la vivo mem, — tamen estas interese laŭeble antaŭvidi la direkton, en kiu la afero estos iranta.

Ĉiu devige konsentos, ke iu ajn ĵurnalo povas fortike prosperadi kaj plene kontentigi siajn legantojn nur, kiam ĝi havas sufiĉe da abonantoj, sekve — sufiĉe da monrimedoj. Kvankam estas certe, ke la ekzistado de ĵurnaloj mem kreas legantojn kaj abonantojn, tamen aliflanke oni ne povas nei, ke ju pli malmulte da ĵurnaloj ekzistas, des pli multe da abonantoj povas havi ĉiu aparta ĵurnalo, — tio-ĉi estas tute komprenebla : demandu la ĵurnaleldonistojn, ĉu mi estas prava aŭ ne... Krom tio, ju pli multe da abonantoj havas ĵurnalo, des pli malkara povas fariĝi ĝia abonprezo, — ĉi tio estas ankaŭ komprenebla kaj samtempe tre grava, ĉar la Esperantismo, demokrateca laŭ sia interna ideo, varbas siajn adeptojn meze de ĉiuj sociaj klasoj, en la popolaj amasoj, — tion ne forgesu...

Aliparte, estas nenia dubo, ke la propagando de Esperantismo en ĉiuj landoj de la civilizata kaj eĉ de la duoncivilizita mondo, meze de ĉiuj popolklasoj, bezonas laŭeble plej multenombrajn kaj plej malsamajn propagandilojn. Montriĝis kvazaŭa reciproka kontraŭdiro. Kion do fari por interpacigi la diversajn bezonojn, same gravajn kaj same necesegajn ? Mi kuraĝas opinii, ke la tiel nomataj « naciaj » propagandaj ĵurnaloj, redaktataj en Esperanto kaj en nacia lingvo, ludintaj ĝis la lastpasinta tempo preskaŭ ĉefan rolon en la disvastigado de nia lingvo meze de siaj samlandanoj kaj samlingvanoj, estas devigotaj iom post iom ŝanĝi sian fizionomion kaj alproksimiĝi per sia enhavo al la aliaj esperantistaj ĵurnaloj kaj fariĝi tute internaciaj — aŭ tute malaperi...

Kial ? — Jen la tialo laŭ mi.

Dum la unuaj jaroj post la naskiĝo de Esperanto, dum la unuaj, plej malfacilaj paŝoj de ĝia disvastigado, niaj samideanoj havis preskaŭ neniujn propagandajn rimedojn krom siaj personaj penoj kaj siaj propraj presaĵoj ; ĉar la esperantistoj estis tro malmultenombraj por fari sufiĉe efikan personan propagandon, oni estis devigata elspezadi multe da laboro kaj multe da mono por la eldonado de propagandaj esperantistaj ĵurnaloj kaj aliaj presaĵoj.

Nuntempe, dank'al fervora kaj senlaca laborado de niaj pioniroj dum dudeko da jaroj, la cirkonstancoj fariĝis tute malsamaj : la armeo de « pacaj batalantoj » estas nun grandega ; la propagando meze de ne-esperantistoj povas esti farata plej vaste, plej efike kaj plej sukcesplene per la buŝa predikado de multaj miloj de sampensuloj, per la fervora agado de esperantistaj societoj, grupoj, kluboj, per publikaj paroladoj, ekspozicioj kaj, fine, per niaj tutmondaj kongresoj. Kompare al tiaj potencaj rimedoj la pure propaganda celado de nacie-esperantaj ĵurnaloj senteble malgrandiĝas.

Krom tio ni ĉiuj tre bone konas la grandegan propagandan valoron de la ĉefeĉ'aj « Ŝlosiloj » kaj « Tutoj » ! Ĉu ili ne estas la plej taŭgaj kaj plej efikaj presitaj propagandiloj ? Plie, la ne-esperantista ĵurnalaro, kiu eĉ antaŭ ne longe estis rilatanta la esperantisman movadon malkonfide, suspekteme kaj moke, nuntempe ŝanĝiĝis : la plej gravaj ĵurnaloj de la mondo tre volonte priparolas nian aferon kaj multe ĝin kunhelpas. Tio estas plua kaŭzo por ne trotaksi la nunan propagandigan signifecon de niaj ĵurnaloj : anstataŭ tiuj lastaj, por la propagando inter ne-esperantistoj, oni povas tute oportune kaj eĉ pli sukceseble uzi la ne-esperantistajn ĵurnalojn, kiuj ja havas pli multenombran legantaron. Tia ĉi propagando nenion kostos al la Esperantistaro : ĝin pagos la ne-esperantistoj... Eble, oni povus al mi rediri, ke la nacie-esperantaj gazetoj estas tre utilaj por la komenculoj en la ellernado de nia lingvo. Mi ne kuraĝas tute nei tion-ĉi, — sed bonaj legolibroj, — jam tre multaj ekzistas — povas bonege taŭgi por la lernantoj aŭ por ne sufiĉe lertaj samideanoj, — pli bone ol la ĵurnaloj. Mi tion atestas per mia propra sperto. Tial mi ripetas, ke la nacie-esperantistaj ĵurnaloj, meritintaj la plej profundan dankon de tutmonda Esperantistaro pro la nekalkuleble grandegaj kaj por ĉiam neforgeseblaj servoj, kiujn ili faris al nia afero dum ĝiaj komencaj paŝoj, devos iom post iom cedi la lokon al ĵurnaloj tute internaciaj. Estas memkompreneble, ke la sinsekva malaperado de nacie-esperantaj ĵurnaloj komenciĝos de la landoj, kie Esperanto jam estas sufiĉe enradikigita ; la plej junaj partoj de Esperantujo ankoraŭ dum kelka tempo konservos ilin. Mi persone estas konvinkita, ke tiela evolucio de nia ĵurnalaro estas neevitebla, ĉar la propagandaj bezonoj de l'Esperantismo nun estas akirintaj aliajn kaj eĉ pli efikajn ilojn. La gravaj spiritaj kaj materialaj fortoj, elspezataj ĝis nun por la redaktado kaj eldonado de nacie-esperantaj gazetoj, trovos pli indan kaj pli utilan aplikadon.

Samtempe, mi opinias, que sendube ni bezonas ian ajn unuuran, centran, periodan presaĵon por kunigi ĉiujn sciigojn pri la tutmondaj progresoj de nia afero, — ĉi tio estas certe necesega. Tiaspeca eldonaĵo, elironta eble du-tri-foje ĉiujare kaj enhavonta ĝeneralan, bone prilaboritan priskribon de ĉiulanda esperantista movado, povos esti eldonata de ia ekzistanta oficejo, kaj ĝi tute oportune anstataŭos en tiu rilato la nun ekzistantajn, tro multenombrajn, ĉiumonatajn nacie-esperantajn ĵurnalojn.

Mi ankaŭ estas konvinkita, ke la antaŭdirata de mi aliformiĝo de niaj propagandaj ĵurnaloj faros ilin pli interesigaj, pli literaturaj, pli utilaj, pli ŝatataj de l'Esperantistaro, kaj rapide plimultigos la abonantaron. Ĉion alian faros la konkurado.

D-ro ANDREO FIŜER (Tifliso).

# TRA LA MONDO

## BRAZILIO

Rio-de-Janeiro, febuaro 1908.

S-ro Barossa restis dudek jarojn ĉe la Indoj « Krichanas », potenca gento da almenaŭ 8.000 homoj, konstante militanta kun la Brazila registaro, kiu ĉiuvintre sendas soldataron kontraŭ ili. Akceptite per sagoj, li sciis akiri ilian konfidon kaj ilin tute pacigis. Post kiam li konvinkiĝis, ke li nenion suferos, la enlandulo estas rimarkinde fidela kaj dolĉa. Inter ili oni ne bezonas armilon [1] ; eĉ, pli bone estas ne havi tian, por ne eksciti ilian malkonfidon aŭ envion. Tiuj Indoj estas tre belaj viroj, preskaŭ senbarbaj, kaj belkoloraj. Granda nombro prezentas leŭkodermismon sub granda varieco de formoj. Kelkaj eĉ estas tute blankaj, havas blondajn harojn kaj bluajn okulojn. La malnovaj aŭtoroj kredis, ke tiuj ĉi estas blankulidoj rabitaj de la sovaĝuloj ; sed, krom tio ke tio estus tute kontraŭ la kutimo, atenta ekzameno montras la neĝustecon de tiu hipotezo. Aliuj, ne malpli blankaj, havas nigrajn harojn kaj okulojn. Oni vidas ankaŭ blankajn haŭtojn, delikate makulitajn de bruno kaj kuprokolorajn haŭtojn kun blankaj makuletoj. Rimarkinte, ke tiujn simptomojn ĝenerale akompanas miopeco kaj okula malforteco, S-ro Barbosa vidas tie formon de albinismo ; kio ajn estas, la demando estas kontrolinda kaj studinda, alie ol per paŝiloj ! La misiistoj disproklamas, ke la Indoj estas maldiligentaj kaj ŝtelemaj. Tio venas de tiu fakto, ke la ideoj de la Indoj pri laboro kaj propraĵo diferencas de tiuj de la misiistoj. Por la enlandulo, la laboro ne estas abstrakta virto, sed rimedo por kontentigi fizikajn necesaĵojn [2], propraĵn aŭ gentajn. Pri la propraĵo li ne komprenas ĝin koncerne la nutraĵoj : ĉia manĝaĵo apartenas al kiu malsatas. Okaze de nutromanko, la infanoj manĝas unue : tiò estas privilegio nepre rekonata. La misiistoj multe klopodas por enkonduki la uzadon de mono, en formo de valorbiletoj... elmetitaj de ili. La natura saĝeco de la enlandulo rifuzas tiun malbonan ŝercon, kies plibonon li ne vidas Cetere, la Indo havas tre viglan senton pri la propreco de la objektoj al li necesaj aŭ plaĉantaj. Se la nekonata aŭ por li utila objekto lin tentas, li prenos ĝin, sed oni povos ĝin redonigi, komprenigante, ke oni bezonas tiun objekton. S-ro Barbosa, ekzemple, povis rericevi siajn okulvitrojn, kiujn prenis de li miopa enlandulo, sed la Indo ne redonus ilin, se la posedanto havus aliajn por si. Tial la interŝanĝa komerco kun ili, estas tre malfacila. Ili ne komprenas ĝian altan socian signifon, kaj meritis la nomon ŝtelistoj, kiun al ili donis tiuj homoj, kiuj ŝanĝis kun ili vitraĵojn aŭ batagelojn kontraŭ kaŭĉuko kaj oro.

Kiel en la militemaj kaj nomadaj gentoj, la aŭtoritateco de la estro estas tre granda. De la « maloca » neniu povas foriri sen lia permeso. Li dividas la arbaron en ĉaslandoj, difinitaj al diversaj gentaj grupoj, sed la Indo ne konas tiun formon de l'aŭtoritateco, kiu permesas la espluaton de la homo per la homo. La estro ordonas diversajn laborojn, sed ĉiam por ĝenerala profito ; nur ne laboras la vidvinoj de la batalmortintoj kaj la homoj farintaj grandajn servojn. Tie ĉi oni devas serĉi la kaŭzon de la malamo de la Indoj al la misiistoj, ĉar tiuj ĉi ilin terure espluatis. La Jezuitoj, kiuj unue esploris tiujn regionojn, elĉerpis grandajn monsumojn, sed multe faris por la morala kaj materiala prosperigado de la Indoj. Male, la nunaj misiistoj akaparas la 19/20 de la produktaĵoj, ĉu por si, ĉu por sia kongregacio. Oni konas la historion de Frei Pellini, kiu en Milano malfermis du firmojn por vendi la produktaĵojn de sia misio. Li ricevis la malfavoron de la aŭtoritatoj civilaj, kiuj petis por lia eksigo. Post unu jaro, li revenis, ne kiel misiisto, sed kiel negocisto por daŭrigi siajn fruktodonajn operaciojn. Cetere, la misiistoj ne plu serĉas la Indojn en la arbaroj. Ili sin instalas en ia forlasita « fozenda » kaj vilaĝe kunigas la duoncivilizitajn ĉirkaŭajn enlandulojn. La preteksto estas la katekismo kaj la instruado, sed diras la Braziloj, « tio estas nur por montri al la Angloj ! » Baldaŭ la enlanduloj devas labori, neniel pagate. Tiel sin prezentas al ili la bonfaroj de la civilizeco.

Kion oni devas fari por forigi tiun malluman situacion ? Por tio, longa studo estus necesa. Tamen, la rolo de la ŝtato estas ne grava, kaj estas dezirinde, ke ĝi faru nenion. Oni forigu ĉian monhelpon al la laikoj aŭ klerikuloj, ĉar oni ne scias por kio ili estas uzataj. Plimalmultigi kaj revoki la soldatarojn, kiuj kuraĝigas la mortigon de la enlanduloj, kaj ĉefe oni ĉesu konsideri la misiiston kiel pioniron de la civilizado por la Indo, dum oni lin forpelas de la lernejoj.

« Kiam ni volas civilizi enlandulojn, diras la *Kosmos*, ni unue zorgos por ilin konduki al nia religio : ĝi ja estas la plej malbona rimedo. Se instruitoj estas tiel plenaj da religiaj antaŭjuĝoj, ke ili ne toleru alies kredojn, kiel oni detruos aŭ transformos la kredon de malkleruloj, kiuj ĝin ricevis de siaj gepatroj, sendube pli kredindaj ol la unua fremdulo. Estas rimarkinde, ke Indo mem, unua, montris al ni la veran vojon por civilizi la sovaĝulojn. El ŝtato sovaĝa Indo « pury » venis peti de ni por siaj samgentanoj la plej gravan bienon : Instruado El la arbaroj de Parana venis Rio'n la estro de la Guaranioj. « Nia gento konsistas el ĉirkaŭ kvar cent homoj, kaj oni pelas nin kiel hundojn por preni niajn bienojn... Ni petas protekton, kaj la sendon de edukistoj, kiuj lernigos al ni kion ni nescias ».

Kelkaj personoj respondis tiun kortuŝan alvokon : ili estas tre bone akceptitaj de la enlanduloj kaj laŭdas ilian inteligentecon. Tiuj individuaj penoj ne povas sufiĉi por la vasteco de la tasko. Al la liberalaj spiritoj apartenas la zorgo helpi al tiuj belaj rasoj por ke ili partoprenu en la civilizeco. Mi kredas, ke ne mankas la junuloj instruitaj, kiuj ĝoje irus por edukadi, se oni donus al ili la materialajn rimedojn. La junulinoj estas ĉefe kore akceptataj de la Indoj, kies ĵaluzecon ili ne elvokas. Kio ajn estas, la tempo venis, ke oni sendu al la enlandulo iun alian, ol kalabrajn pastrojn malsatantajn aŭ la ekleziulojn, kiujn Francujo fordankas.

M. V.

[1]) Komparu tion kun la raporto de komandanto Ch. Lemaire en la dua kongreso. Tiu oficiro diris, ke li trapasis Kongolandon, ne uzinte unu militkartoĉon.

[2]) Tiun senton ne havas nur la sovaĝuloj ! A. S-ro Thomson, franca ministro de la maraferoj, kiu gratulis la laboristojn de la Bresta arsenalo, ke ili kunlaboris por la nacia defendo, la laborista delegito klare respondis : Se ni laboras en la Arsenalo, ĝi tute ne estas por la nacia defendo, sed por manĝi !!

## ITALUJO

Udine, Marto 1908.

Letero el Italujo ne povas forgesi tion, kio okazas en la mondo katolika. En la lastaj tagoj le greka rito reaperis en Vatikano post 6 jarcentoj da ekzilo kaj laŭ speciala volo de papo Pio Xa. La faro de Pio Xa, alvoki en Romo okaze de la jarcentaj festoj de S-ta Johano Krisostomo la altan pastraron de Oriento, signifas klaran emon de la Vatikano forpeli, antaŭ la malkonsentantaj orientaj eklezioj tiujn malkomprenaĵojn, kiuj tiom da tempo agis tiele ke la greka rito rigardis suspekte la latinan riton ĉiam pretan ensorbi kaj detrui la tradiciojn ĵaluze garditajn kontraŭ la orienta eklezio. Nun denove antaŭ la latina kanto resonis la antikva greka kanto. En la Vatikana salonego de la beatigo la incenso ne estis bruligita pura, sed miksita, laŭ la orienta kutimo, kun mirho kaj benzoino. La ŝajno de orienta rito estis respektita kaj honorita, sed en la pastraj vicoj superregis sola la figuro de la Roma Pontifo, kiu kuraĝe provas la kuniĝon de ĉiuj eklezioj en vera katolikismo. La ceremonio estis simbolo, el kiu povas sekvi gravega fakto en la historio, nome la unuiĝo de la malkonsentantaj eklezioj kun Romo. Tiel efektiviĝos la plej forta penso de Pio Xa. La kristanaj Esperantistoj devas esti fieraj ĉar ili marŝas ĉe la antaŭgvardio de la Pontifo, kiu estas tiel inklina al nia afero : ili eĉ celas pli alten, nome al la unuiĝo de ĉiuj kristanoj (vidu « Espero katolika » kaj la dum kongresajn Diservojn). Ĉu eble tiu ĉi jarcento ne ekvidus la kunligon de ĉiuj mondaj religioj.

De kelkaj tagoj oni diskutas en la Deputataro la novan leĝon pri la instruo de la religio, aŭ pli bone de la kristana doktrino aŭ katekismo, en la unuagradaj publikaj

lernejoj. Gis nun regis la tiel dirita leĝo Casati, laŭ kiu la religia instruo estas deviga. Laŭ la projekto de la ministraro, de nun la lokaj aŭtoritatoj havos la rajton decidi, ĉu la instruistoj devas aŭ ne instrui ankaŭ pri religiaj demandoj. Jam sur la ĵurnaloj komenciĝis la batalo inter liberpensuloj kaj religiuloj pri tiu temo, kiu en la Deputataro elvokas fervorajn diskutojn. Ni opinias persone, ke la religio kiel sento kaj edukado devas esti farata de la gepatroj kaj religiaj ministroj en la preĝejoj aŭ en lokoj dependaj de la preĝejoj, kaj ke la religio aŭ pli bone la religioj, kiel scienco historia de la homa penso, devas esti instruataj en la duagradaj lernejoj per spertaj profesoroj. Sed en Italujo tute mankas profesoroj de religio. La katolikaj pastroj, ĝenerale, povas esti nur unuflankaj instruistoj pri la historio kaj esenco de la Roma religio. Antaŭ ĉio estus necese starigi en la universitatoj katedron de komparita historio de la religioj. Sekve ni en Italujo estas tiel malproksime de la enkonduko de la religio en la lernejojn, kiel de la enkonduko en ilin de Esperanto. Ni havus nur lernantojn de Esperanto kiam en ĉiuj aliaj landoj ekzistas sufiĉe da spertaj instruistoj, kaj ni denove vidos la spektaklon de fremdaj profesoroj alvokitaj por lernigi Esperanton, kiel en la unuaj jaroj de la unueciĝo de la reĝolando, oni alvokis fremdulojn por lernigi sciencojn en la universitatoj. Tamen, ĉar mi okaze parolas pri nia afero, ni ne devas forgesi, ke kelkaj izolitaj personoj fervore batalas; mi volas aludi al P-ro Meazzini, kiu donis plenan ital.-esp. vortaron, al P-ro Lusana kiu eliriĝis originalan tre laŭdindan gramatikon, kaj al P-ro Giambene, kiu nun aperigis novan monatan gazeton ne malpli ŝatindan ol liaj antaŭaj verkoj. Sed tiaj homoj estas bedaŭrinde maloftaj.

El Itala kroniko mi volas elĉerpi alian malgrandan, sed simptoman, fakton. En Piemonta vilaĝo simplanima pastro vendis al ruza fremdulo du antikvajn lignajn statuojn po 240 Sm. kaj senmalice fanfaronis la bonan negocon, kiu al li permesis aĉeti kelkajn pli necesajn ornamaĵojn por la preĝejo. La juĝa aŭtoritato, ĉiam tre vigla kiam sin prezentas malgravaĵoj, dufoje procesis la pastron kaj lin kondamnis je monpuno de 4 Sm. kaj al la elspezoj. La ĵurnaloj estas ĉiam plenaj da plendoj pri la elmigro de artaj objektoj el Italujo. La vendo de arta propraĵo al fremduloj estas krimo en Italujo! Sed neniu parolas pri la starigo de la instruado de arto kaj de ĝia historio en la duagradaj lernejoj, kvankam la konoj pri la artaĵoj almenaŭ de lia patrujo devus esti intelekta propraĵo de ĉiu bone edukita homo. Do oni pretendas konservi al la patrujo objektojn, kiujn la plej granda parto de la patrujanoj ne nur ne scias ŝati, sed ne eĉ scias koni aŭ distingi, kaj oni pretendas senigi je ili la fremdulojn, kiuj montras konon pri la artaĵoj de antaŭuloj. Sub tiu ĉi leĝo oni ne devas serĉi la amon al la arto kaj al la enkonduko de arta sento en la popolo, sed nur la profiton kaj la spekulacion!

Oni rememoras, ke ni Italoj pretendis kaj pretendas ankoraŭ porti la civilizadon en la Afrikan kontinenton, sed tie ni de tempo al tempo ricevas severajn lecionojn, kaj imperiestro Menelik tre bone scias spili monon al siaj eksprotektantoj kiel rusa advokato al naiva kliento. La kolonia aventuro, kiu dependis de nescio pri geografio kaj klimatologio de Afriko, kostis al Italujo nekalkuleblajn ĉagrenojn kaj homajn virojn, kostis multe da milionoj kaj ankaŭ nun 5 milionojn jare kvankam en paca periodo. Sed ĝi postulis ĉiam multe da vortoj kaj inko, eble pli da inko ol ĝiaj sekaj riveroj enhavas da akvo. Ankaŭ la lastajn tagojn la Deputataro diskutis pri Benadiro, pri la kolonio-fantomo, kies internlando neniam estis okupita. Fine, oni scias, ke Menelik atendas la oportunan momenton par havigi al si komercan elfluon sur la India Oceano en formo de haveno.

L. TELLINI.

## RUSUJO

Varsovio, Februaro 1908.

La aliproprigo de Polaj bienoj en Orienta Prusujo, aprobita jam de unu el la ĉambroj elvokis, kiel ni jam scias, protestojn ne nur de ĉiuj Poloj, sed ankaŭ de ĉiuj honestaj kaj liberalaj homoj. Tiu protesto estas nur, propredirante, morala, sed krom ĝi Poloj penas organizi proteston pli realan, kiu faros la novan leĝon maloportuna por la germanlanda industrio. Mi parolas pri la bojkoto de germanaj fabrikaĵoj, varme proklamata kaj subtenata de l'tuta pola nacio loĝanta sub la rusa kaj aŭstria sceptro; jam estas organizitaj kelkaj ligoj kaj societoj por klopodi pri forigo de germanaj produktoj el ĉiuj polaj vendejoj, pri anstataŭo de ili per naciaj aŭ negermanaj fabrikaĵoj. En tiu celo oni penas rilati kun aŭstriaj, hungaraj, bohemaj, svisaj kaj anglaj industriistoj kaj komercistoj, prezentas al ili, ke Polujo estas tre bona vendejo por iliaj artikoloj, konvinkigas, ke oni devas sendadi vojaĝistojn same kiel faradis tion germanoj, dank'al kio poloj preskaŭ ĉiam ĝis nun aĉetadis ĉe ili, unuvorte ke ĉiuj ekstergermanaj komercistoj penu koniĝi kun Polujo kaj kun ĝiaj naturaj produktoj. Londona korespondanto de « Kurjer warŝawski » priskribas sian interparolon kun ĉefo de komerca domo angla E. A. Levetus and C-o. El tiu ĉi interparolo mi citos nur kelkajn frazojn klarigantajn, kiel Angloj mem rigardas nian bojkoton.

« Forjetante ĉiujn kaŭzojn, kiuj instigis Polojn komenci la bataladon kontraŭ komerca monopolo de Germanujo — diris la direktoro — laŭ mia opinio, Polujo tiom gajnas dank'al interrilatiĝo kun aliaj landoj, ke tio sola povas esti garantio de sukceso de la bojkoto. Ni prenu ekzemple terkulturilojn. Gis nun vi estis importantaj ĉion el Germanujo kaj Germanoj aukaŭ ĉion, kion vi produktis estis prenantaj por eksporto. Sed tiuj ĉi produktoj ne estis dediĉitaj por germanaj vendejoj sed por la anglaj, dank'al kio nur germanoj estis multe gajnantaj, sed ne poloj kaj angloj. Per interrilatiĝo senpera ni povus ricevi ambaŭflankajn profitojn, foriginte la periston, kiu plej grandan parton de superkosto konservas por si mem ». Aŭ ni prenu alian ekzemplon: Aŭstralio ne povas produkti tiom da trifolio, kiom tiu ĉi terkultura lando bezonas. Sola liveranto de ĝi estas Polujo, kiu dank'al sia mola klimato kaj grandaj terkulturaj teritorioj tute monopolis liveradon de tiu ĉi artikolo Aŭstralion. Kiamaniere oni aranĝas ĝis nun tiun komercadon? Jen, tutan provizon de la trifolio aĉetas en Polujo germanoj, liveras ĝin per Hamburg aŭ Dantzig Londonon, kaj de tie ĝi iras al sia celo. Sed oni povas aranĝi tion tiamaniere, ke la pola trifolio dank'al interrilatiĝo senpera kun anglaj komercfirmoj estus liverata per Triesto aŭ Odesso rekten Aŭstralion, evitinte ĉiaspecajn perojn kaj superfluajn kostojn de la transporto. La samo okazas kun Galicia tervakso, kiu trairinte Vienon kaj Berlinon estas en Londono almenaŭ trioble pli kara, ol ĝi estis en la momento de vendado en Polujo. Ni povus ankoraŭ citi milojn da tiaj ekzemploj, sed tiuj jam sufiĉas por montri ke la bojkoto estas laŭdinda laŭ vidpunkto ne nur de Poloj.

Oni povus nin demandi, kial do vi tiel longe toleris germanajn komercaĵojn kaj nur nun vi serĉas aliajn? Unue, homoj ordinare kutimas al io, kio ne estas maloportuna kaj donas iajn certajn profitojn, kvankan malgrandajn. Jam unu fojon enirinte en komercajn rilatojn, estas iom malfacile ŝanĝi ilin. Sed nun germanoj mem senapatiigis polojn. Due, germanoj memorante pri siaj aferoj sendadis ĉiujare tiom da agentoj, vojaĝistoj, prezaroj kaj anoncoj, proponadis tiel oportunajn kondiĉojn por vendado, kion faris nek angloj, nek svisoj, nek francoj, ke aĉetado ĉe ili ŝajnas tute natura. Trie, sufiĉe granda malhelpaĵo estas la lingvo. Preskaŭ ĉiuj komercistoj polaj parolas germane, malpli multe — france, plej malmulte — angle. Dank'al tiu ĉi manko, komercisto pola alveturinte Londonon, prenas gvidiston, ordinare germanan aŭ parolantan germane, kiu pri polaj komercaj rilatoj havas nenian impreson kaj kiu ordinare kondukas la komerciston tien, kie li mem ricevas la plej grandan procenton. Tiamaniere plej granda parto de modaj artikoloj estas aĉetata ĉe detalistoj por prezo almenaŭ 50 % pli alta, ol tio estus ebla dum la aĉetado ĉe la produktantoj. Sed ni ja estas esperantistoj, ni havas konsulejojn, ni devas do nur pli fervore varbi amikojn al nia lingvo, montrante ĉiujn tujajn profitojn, kiujn ni kaj niaj samlandanoj povas pro tio ricevi.

TADA.

## Kroniko Politika

Sukcesinta atenco elvokas kelkajn malsukcesontajn atencojn: tio jam estis diversfoje konstatita kaj denove remontriĝis en la lastaj semajnoj. Ne longan tempon post la mortigo de la reĝo de Portugalujo, bombo estis ĵetita kontraŭ la regnestro, kiu regas la agitatan kaj duonrevolucian landon nomatan Persujo; alia celis la Prezidanton de Arĝentina Respubliko, kiu, oni tion rememoras, forpermesis la Parlamenton pro ĝia obstrukcado. Ambaŭ atencoj estis senfruktaj kaj nur montris, plian fojon, ke la reĝeco estas io danĝerega kaj neenviinda.

La agitemuloj en politiko internacia esperis, ke la letero privata de imperiestro de Germanujo al angla ministro de maraferoj elvokos grandegajn konsekvencojn. Tiu afero, kiu unue ekscitis grandan scivolon, estis poste reduktita al pli malgravaj proporcioj, sed eĉ plimalgrandigita ĝi povus esti malhelpaĵo por daŭra vivo de la liberala ministraro, kies situacio jam ne estas tiel fortika kiel promesis ĝia plimulto.

La Parlamento de Prusujo definitive akceptis la leĝon pri la aliproprigo de la polaj bienoj, malgraŭ forta kontraŭstaro eĉ de konservativuloj. Tiu leĝo, pri kiu kanceliero Bulöw diris, ke ĝi estos uzata nur malofte, estas escepta leĝo, kiu kondukos nur al tio, ke la intergentaj malamoj pli akriĝos kaj ke, anstataŭ kunligi du kune vivantaj gentojn, oni starigos inter ili dikajn murojn, kiujn la tempo ne facile detruos.

La Itala Senato finis la aferon Nasi per negrava kondamno de l'eksministro; kelkaj tumultoj okazis en Sicilio, sed ĝenerale la landanaro favore akceptis tiun informon. La Deputataro fervore diskutis la demandon pri la religia instruado en la unuagradaj lernejoj, kiu, kiel kutime, elvokas flamojn disputojn inter klerikaloj kaj antiklerikaloj.

En Ekstrem-Oriento, nova konflikto okazis inter Hinujo kaj Japanujo, sekve de sekestro de Japana ŝipo. Verŝajne, Hinujo cedos al la postuloj de sia potenca najbaro ĝis la momento kiam, dank'al tiu najbaro, ĝi fariĝos sufiĉe fortika por kontraŭstari al ĝiaj trudaj pretendoj.

A. R.

## La Faktoj

17. *Februaro.* — *Finlando.* — Guberniestro Gerhard estas anstataŭita de G-lo Bekmann.

*Teheran.* — La Parlamento petas la eksigon de la ministro de l'internaj aferoj kaj malaprobas la politikon de la ministraro.

18. *Pittsburg* (U. S. A). — Superakvado en la regiono.

*Windsor.* — La teatro estas detruata de brulado.

19. *Romo.* — La Deputataro komencas la diskutadon pri la religia instruado en la unuagradaj lernejoj.

20. *Parizo.* — Advokato Barboux okupas en la Franca Akademio la lokon de Brunetière.

*Peterburgo.* — G-lo Stoessel, defendinto de Port-Arthur, estas mortkondamnata.

*Detroit* (U. S. A.). — Uragano duonruinigas la urbon.

21. *Callao.* — La Usona ŝiparo metas ankron en la haveno.

22. *Toulono.* — Perfidinto Ullmo estas kondamnata je eterna malliberejo.

23. *Peterburgo.* — Malfermo de la kongreso de la Veraj Rusoj.

24. *Romo* — Eksministro Nasi estas kondamnata je 350 tagoj de malliberejo kaj je la elspezoj.

25 *Sicilio.* — Popolaj manifestadoj pro la kondamno de Nasi.

27. *Romo.* — La ministra propono pri la religia instruado en la lernejoj estas aprobata.

*Berlino.* — La leĝo pri la aliproprigo de la polaj bienoj estas aprobata.

28 *Teheran.* — Atenco kontraŭ la regnestro; 3 soldatoj mortigitaj.

*Cobourg.* — Edziĝo de princo de Bulgarujo kun princino Eleonoro Reuss.

*Londono.* — La Deputataro aprobas la projekton por la voĉdonado de la virinoj.

*Buenos-Aires.* — Atenco kontraŭ la Prezidanto de l'Respubliko.

29. *Loëtschberg.* — Lavango falas sur hotelon; 11 mortintoj.

*Vieno.* — Mortas la fama kantistino Lucca.

1 *Marto.* — *Makas.* — La ĥinoj sekestris japanan vaporŝipon kun armiloj.

*Hindujo.* — La angla militiro kontraŭ gento Lakka estas finita per la submeto de la ribelintoj.

3. *Makednujo.* — La turka soldataro detruas bulgaran bandon.

4 *Collingwood* (U. S. A.). — Terura brulado de lernejo; 200 pereintoj.

5. *Romo.* — Malfermo de Eŭropa konferenco pri la fervoja servado.

*Meiningen.* — La kortega teatro estas detruata de brulado.

A. TELLINI.

# Niaj enketoj

## La Juĝa organizado [1])

### II.

### (Internacia Societo de la Esperantista Juristoj)

Malgraŭ, ke de la jaro 1873a la sistemo ekvita kaj la sistemo de la komuna leĝaro estas kunfanditaj per leĝo, kiu ordonas, ke tie la du sistemoj diferenciĝas, la reguloj de l'ekvita sistemo superu tiujn de l'alia sistemo, en la praktikado la du sistemoj kuradas flanko ĉe flanko. La Fako Kancelaria administras la ekvidan leĝaron; la Fako de la Benko de la Reĝo (pri kiu mi nun ekparolos) administras la komunan leĝaron, donante la superecon al la ekvita leĝaro nur kiam la du sistemoj interbatalas. Kio, do, estas la komuna leĝaro? Por mia nuna celo difinas ĝin kiel, tia parto de la angla leĝaro, kia ne estas ekvita. Sed mia difino ne estas tute adekvata, ĉar la esprimo mem estas dusenca kaj uzata de la anglaj leĝosciencistoj ne tre difinite.

La Benko de la Reĝo kombinas en si tri antikvajn tribunalojn, nome la Juĝejon pri Ordinaraj Procesoj (*Court of Common Pleas*), la Juĝejon pri Fiskaj Aferoj (*Exchequer Court*) kaj la malnovan juĝejon nomitan *The King's Bench* (la Benko de la Reĝo, tiel nomita ĉar antikvatempe la Reĝo mem prezidis). Gia juĝistaro konsistas el la ĉefa Juĝisto (*the Lord Chief Justice*) kaj 14 aliaj juĝistoj. Ordinare la juĝistoj sidas aparte sed kelkokaze duope kaj triope.

La specialaj povoj de la malnova Benko de la Reĝo estis: — ĝi tenis ĉiujn malpli superajn juĝistojn en la limoj de ilia aŭtoritateco kaj povis ordoni, ke iliaj procesoj estu transdonataj al si; ĝi agis kiel intendanto super ĉiuj civilaj korpoaacioj; ĝi ordonis al la magistratoj kaj kelkaj aliaj oficistoj, ke ili faru sian devon; ĝi protektis la liberecon de la regato; ĝi okupis sin pri krimaj kaj ankaŭ civilaj procesoj (ĝian kriman fakon mi pritraktos en sekvonta ĉapitro); ĝi havis ĝeneralan povon pri ĉiaj procesoj inter reganto kaj regato, krom *real actions* (v. malsupren), sed ĝi ne okupis sin pri fiskaj aferoj. Al tiuj funkcioj estas aldonita la povo por direkti la administradon de la havo de la bankrotulo, sed kutime estas, ke aparta juĝisto sin okupas sole rilate al tiu ĉi fako.

La malnova Juĝejo pri Ordinaraj Procesoj havis forton pri procesoj inter reganto kaj regato sed precipe pri tiu speco nomita *real actions* t. e. procesoj, per kiuj oni pretendas esti la havanto de teraĵoj kontraŭ tiu, kiu ilin posedas.

La nomo de la Juĝejo pri Fiskaj Aferoj sufiĉe klare difinas ĝian rolon.

Tiuj tri tribunaloj estis en la jaro 1875a kunigitaj sub la nomo de la Benko de la Reĝo kaj la povoj kaj devoj, kiujn la Parlamento donis al ili de tempo al tempo kaj kun la povoj kaj devoj, kiujn la tri juĝejoj estis akirintaj, kelkafoje senrajte, dum la estintaj cent jaroj. La tiel fondita Juĝejo ordinare sidas en Londono, sed de tempo al tempo, ĉiutrimonate aŭ ĉiusesmonate, ĝia juĝistaro veturas tra la provincoj, sidanta en la ĉefaj urboj en ĉiu provinco por aŭdi procesojn civilajn kaj ankaŭ krimajn, kiuj devenas de la diversaj provincoj. Tiujn kunsidojn oni nomas *Assizes* (asajzez), kaj tiel praviĝas la diro, ke en en Anglujo la justeco estas alportata al ĉies pordo. La Kancelaria Fako tamen, ĉiam sidas en Londono, sed ĝi kelkafoje ordonas, ke la juĝisto de la Reĝa Benko decidu pri demando koncernanta fakton dum li estas veturanta en la provincoj.

Tiu stranga miksaĵo, la *Probate, Divorce and Admiralty Division* havas unu prezidanton kaj unu juĝiston. Gi konstatas la fakton, ĉu aŭ ne mortinto mortis kun aŭ sen testamento kaj donas aŭtoritatecon al tiu, kiun ĝi decidas esti la vera testamento de la mortinto (t. e *Probate*). Parenteze, la angla notario tute ne respondas al la kontinenta notario. En Anglujo ia skribistaĉo povas redakti testamenton por ia malklero, kaj poste ofte envenas la *Probate* Juĝisto por decidi ĉu la testamento taŭgas, kaj la Kancelaria juĝisto sekvas lin por interpreti la sencon de la testamento.) En tiu Juĝejo oni juĝas ankaŭ pri maraj kaj ŝipaj aferoj (t. e. *Admiralty*), kaj pri Eksedziĝo (t. e. *Divorce*). Hieraŭ la juĝisto ordonis, ke testamento estu nuligata pro troa influo sur la testamentinton; hodiaŭ, li kondamnas vaporŝipan kompanion, ke ĝi pagu kompensaĵon pri evitebla kolizio; morgaŭ, ĝi diros al edzino, kies edzo estas batinta ŝin kaj ne estas restinta fidela al ŝi, ke ŝi estos liberigata de la edzineca ligaĵo, kaj ke la edzo pagu al ŝi fiksotan sumon. Kiu, krom Anglo, kunmiksus tiajn malsamajn aferojn?

La Apelacia Juĝejo havas ses juĝistojn, kiuj sidas triope, sed krom tiuj ses juĝistoj la Prezidantoj de la aliaj juĝejoj, la Ĉefkancelariisto kaj la eksĉefkancelariistoj havas ankaŭ la rajton kunsidi en tiu ĉi juĝejo. Gi estas pure apelacia juĝejo, kaj tie ĉi oni neniam aŭdas atestantojn aŭ havas la helpon de juĝantaro. Gia prezidanto estas *the Master of the Rolls* (Gardisto de la arĥivoj). Tie estas juĝataj apelacioj de la Provincal Juĝejoj kaj de la Alta Kortego de Justeco.

Ordinare la procesantoj akceptas la juĝon de l'Apelacio nome la Domo de la Nobelularo (*House hof Lords*; Haŭs ov Lordz). Tiu ĉi juĝejo estis ankaŭ parto de la leĝdonantaro, kaj antaŭ la jaro 1876a ĉiu nobelulo, kiu havis la rajton kunsidi kiel leĝdomanto, havos ankaŭ la rajton agi kiel juĝisto, eĉ kvankam li tute nesciis la leĝoscienco. Sed per leĝo de 1876 a la nobelularo fordonis tiun ĉi rajton, kaj nuntempe nur la Ĉefkancelariisto, kvar apelaciaj juĝistoj kaj nobeluloj, kiuj jam agis kiel juĝistoj en supera juĝejo havas la rajton juĝi pri apelaciaj procesoj en tiu ĉi juĝejo, kie estas aŭdataj ne nur anglaj apelacioj sed ankaŭ irlandaj kaj skotaj.

Kompreneble la procesanto mem povas konduki sian proceson en ĉiuj juĝejoj, sed ordinare li dungas solicitoron, kiu komencas kaj elsekvas la proceson. Tamen la solicitoro povas agi kiel advokato nur en la provincaj juĝejoj. Oni bezonas advokaton (*barrister-at-law*) por pledi en la Plejsupera Juĝa Kortego. La advokato kaj la solicitoro kunkonsilas por decidi pri la formo de la komencita proceso, la proceduro, la pruvotaĵoj kaj atestontoj, sed estas kontraŭ la profesia moro ke la procesanto dungu advokaton senpere. La procesonto dungas la solicitoron, kiu siavice laŭbezone dungas la advokaton,

En ĉiuj neapelaciaj juĝejoj la procesanto povas peti, ke lia proceso estu juĝata de juĝisto kun juĝantaro, sed en la Kancelaria Fako juĝo sen juĝantaro estas la pli ofta. Kiam la juĝisto havas la helpon de juĝantaro, li estas la sola decidanto pri juraj demandoj, la juĝantaro decidas nur demandojn pri la faktoj.

Fine, antaŭ ol mi traktos en sekvonta ĉapitro pri la prikrima juĝado, mi devas averti la leganton, ke tiuskizo de nia civila juĝa organizado estas necese neplena; ne estas eble, en mallonga, artikolo, ordigi la ĥaoson de nia leĝaro, ĉar la ventoj de l'aero havas pli da sistemeco kaj organizeco ol ĝi.

John ELLIS, solicitoro, Leighley Vicprezidanto de I. S. E. S. por Anglujo.

[1]) Voir ESPERANTO, N° 25.

# ESPERANTO

## Internacia Esperantista organizo

La jenaj grupoj elektis delegitojn por la Internacia Esperantista Organizajo, nun en fondado :

12. *Avignon* (Francujo). — S-ro P-ro Champion.
13. *Debreczen* (Hungarujo). — S-ro Rudolfo Rajczy
14. *Bourg* (Francujo). — S-ro Th. Rousseau ; S-ro Bernot.
15. *Beaune* (Francujo). — S-ro D-ro Vesoux ; S-ro D-ro Fromageot.
16. *Lausanne* (Svisujo) — S-ro A. Andreàssian.
17. *Carlshamn* (Svisujo). — S-ro O Filletrôm.
18. *Limoges* (Francujo) — S-ro Evrot.
19. *Zürich* (Svisujo). — S-ro Muschamp.
20. *Anvers* (Belgujo). — S-ro Fr. Schoofs ; S-ro H. le Beck.
21. *Eskiltuna* (Svedujo). — S-ro H. Holmström.
22. *Huy* (Belgujo). — S-ro A. Landenne.
23. *Philippeville* (Alĝerio). — S-ro Ch. Roux.
24. *Levallois-Perret* (Francujo). — S-ro C. Rousseau.
25. *Nancy* (Francujo). — D-ro Noël ; P-ro Maresquelle.

# MOVADO ESPERANTISTA

Ni ricevis multenombrajn fidelecajn deklaraciojn de diverslandaj grupoj Esperantistaj. La loko mankas al ni por represi ilin tute, sed ili ĉiuj estas redaktitaj laŭ la sama spirito : ĉiaj subitaj ŝanĝoj aŭ perdekretaj plibonigoj estus en la nuna tempo treege danĝeraj por nia lingvo, neniu havas la rajton trudi reformojn al la Esperantistaro, nenio certigas nin ke la proponitaj ŝanĝoj estus por ĉiam finitaj, la projekto de Ido ne estas pli bona, aŭ eĉ estas pli malbona ol Esperanto, ĉia grava reformo forprenus de ni la konfidon de la publiko kaj neebligus ĉian postan propagandon por lingvo internacia. Inter la plej interesaj el tiuj tagordoj, ni citu tiujn de la grupoj en Beziers, Limoges, Firminy, Malto, Reichenberg, k. t. p. ; nur la belga grupo Verviers voĉdonis deklaracion favoran al la Delegitaro. Cetere, la momento de maltrankvileco pasis, kaj la Esperantistaro pli kuraĝe ol iam laboros laŭ nia ĝisnuna vojo, spertinte la profitojn, kiujn ĝi ricevis el tiu ekskurso sur la kampo de l'teorio kaj lingva diskutado...

**Notindaĵoj.**

*Francujo :* En Lyon, vigla propagando ĉe la soldataro. En Parizo, oni klopodas por enkonduki Esperanton en la policanaron. — *Britujo :* La ĉiujara kunveno de la Brita Asocio okazos dum Julio en Edinburgo ; pro tio ĝi estos kvazaŭ nacia kongreso ; nebritaj samideanoj estas kore invitataj. — *Danujo :* Fondiĝis Dana Esperantista Ligo, laŭ la modelo de la naciaj societoj. — *Bohemujo :* Novaj grupoj en Tabor, Kral kaj Prostejov ; movado ĉiam tre vigla. — *Svisujo :* Esperantista Festotago okazos en Genevo la 2an kaj 3an de Majo ; oni klopodos por doni al ĝi iom vastajn proporciojn. — *Usono :* El letero de S-ro Privat en « la Revuo » ni eksciis pri la grandegaj progresoj de nia afero ; ĉiutage fondiĝas novaj grupoj, kursoj, k. t. p. — *Ĉilio :* Niaj Sudamerikaj samideanoj fondis : « Ĉilo Esper. Asocio, kun monata organo ; jam estas 402 societanoj — *Indio :* Nia fama triano Pollen faras sukcesan propagandan vojaĝon tra Indio kaj Mesopotamio ; kelkaj Indiaj estroj ŝanĝis la kongresan garantion en definitivan donacon ; la Divano de Palanpur donis 1000 Sm al la B. E. A.

**Kongreso.**

La kongreso okazos de la 16ª ĝis la 22ª de Aŭgusto La kotizaĵon (5 Sm) oni povas de nun sendi al la kasisto (Bankhaus Arnhold, Waisenhausstr., 20, Dresden). Konforme al la esprimitaj deziroj, la nombro de la agadaj kunvenoj estis plimalgrandigita por permesi la kunsidadon de multaj specialistaj societoj (pli ol 35 jam anonciĝis) : oni ankaŭ laŭeble agos por eviti ilian koincidon ; la tago 26ª estos Universala Festa Tago kun vojaĝo al bela Saksa Svisujo.

# ESPERANTO PRAKTIKA

**Esperanto-Konsuloj.**

Novaj Konsuloj estis elektitaj en la jenaj lokoj :

*Opatovice n/L* (Bohemujo-Aŭstrio). — S-ro K.-E. Krupka, komercisto (Esp.-Of.).

*Madrid* (Hispanujo). — S-ro J. Perogardo ; vickonsulo : S-ro P. Rodriguez. — Esp.-Of. : Strato Markizo de la Ensenada, 4.

*New-York* (Usono). — S-ro Revel & Ko, 158, Fifth Av. (Esp.-Of.).

*Marcilloles* (Isère-Francujo). — S-ro Champelay & Fils.

La *Marseille*'a grupo eldonis tre bonan folieton, sur kiu oni povas legi la informojn, kiuj estas la plej utilaj al la Esperantista fremdulo (Esp.-Oficejoj, Esp.-Hoteloj, Esp.-Kunvenoj, vidindaĵoj, k. t. p.). Tute imitinda!

**Esperantistaj vojaĝoj.**

*Avizo grava.* — Laŭ leteroj kaj poŝtkartoj ricevitaj, multaj personoj prokrastos sendon de siaj postuloj ĝis kelkaj semajnoj antaŭ la foriro. Ne agu tiele. Nur fruaj postuloj, ebligante alvokadon de kunvojaĝantoj, fruan grupigon, longan kaj seriozan preparadon, nepriĝos efektivigon de la plano preponita. Kontraŭe, prokrastintoj devos akcepti vojaĝon jam preparitan kaj forlasi kelkajn el siaj deziroj, aŭ eĉ ne trovos kunvojaĝantojn. Do, tuj kiam vi pripensos vojaĝon farotan, sendu vian postulon, eĉ provizoran ; vi pliprecizigos kaj korektos ĝin dum la pretigado. Atentu al la mirinda fleksebleco de nia organizo, kiu taŭgas por ĉiuspecaj vojaĝoj : vojaĝoj por plezuro, scienco, belartoj, ĉiuspecaj sportoj ; ekskursoj ; iro al kongreso ajn, vizitoj de ekspozicioj, k. t. p. Plie, oni povas kiel vojaĝanto aŭ kiel gvidanto partopreni ĉu al la tuta vojaĝo, ĉu al parto ajn eĉ malgranda. Ekzemple, en preparo laŭ postuloj : Bicikleta kaj fervoja vojaĝo (eĉ eble motocikla) de la Lyon'a regiona al la Dresdena Kongreso-Piedira kaj fervoja vojaĝo de la Lyon'a regiono tra Germanujo, Aŭstrujo, Svisujo, Italujo dum aŭgusto aŭ septembro.

Houssais (lycée de Bourges, Francujo).

**Komerco.**

La jenaj firmoj korespondas per Esperanto :

*Zürich* (Svisujo). — A. Waltisbühl (skribmaŝinoj, mebloj). P. K.

*Marcilloles* (Isère-Francujo). — S-ro Champelay & fils (grenoj). P. K.

*Frankfurt-a/-M.* (Germanujo). — Auskunftei Merkur Incasi (komercinformoj). K.

*Leipzig* (Germanujo). — Allgemeine Deutsche Credit Anstalt (banko). P. K. — Georg. Nitzke & Ko (kolora porcelanpresejo), Brüderstr., 59. P. K. — E. Zschaubitz (korsetvendejo), Johannisplatz, 3. P. K. — H. Aurich Reudnitz, Oststr., 13, (kartonaĵoj). P. K. — Dr Trenkler & Ko (arta presejo), Eichstädtstr.

*Zöblitz* (Germanujo). — Sächsische Serpentinstein, Gesellschaft. P. K.

**Esperanto kaj Virinoj.**

Sub tiu ĉi nomo kaj laŭ iniciato de ceteraj sinjorinoj interesitaj je la helplingva afero fondiĝis en Kopenhago la 21an de novembro 1907 internacia virina unuiĝo, kies celo estas disvastigi sciigon pri la helpa lingvo, kaj tio estas farata precipe per senpagaj paroladoj kaj kursoj ; multaj sinjorinoj estas fervore okupataj je tiu laboro. Tiel la lertega kaj energia estrino de « Dana Esperanto-Oficejo » F-ino Gunvar Monster kiu estas la animo kaj ĉefa motoro de la virina unuiĝo nelacigeble daŭrigas siajn paroladojn, el kiuj ŝi jam faris pli ol 40. Oni intencas organizi en la unuiĝo diversajn sekciojn ekz. : por « Ruĝa Kruco » la « Abstinenafero », k. t. p. Ĉiu sekcio havos sian komitaton, kaj poste la komitatoj havas la internacian federacion de la komitatoj.

La unuiĝo estas juna, ĉar ĝi estas starigita nur antaŭ 3 monatoj, tamen jam pli ol 200 sinjorinoj sin enskribis, kaj ĉiam alvenas novaj anoj. La membroj ricevas sciigon pri la novaĵoj koncerne la afero dum la monataj kunvenoj, kiuj okazas en belaj ĉambroj en unu el la ĉefaj urbaj hoteloj, kie oni estas tre bone, kaj la lastan monaton organiziĝis la unua virina ĥoro sub la direkcio de la famkonata kantistino F-ino Fanny Gœtze. Ni invitas ĉiujn sinjorinojn aliĝi al nia virina unuiĝo, kaj ni bone povas fari tion, ĉar la jarkotizaĵo nur estas 1 krono (c. 1/2 Sm.).

Oni sin enskribas ĉe la sekretario Fraŭlino Gunvar Monster, kies adreso estas : Dana Esperantista Oficejo, 5¹, B. Osterbrogade, Kopenhago, Danlando (Danmark).

Ina FUNCH.

# KORESPONDAĴOJ

**Esperantistaj Gasttabloj.**

Antverpeno, marto 1908.

Estimata Sinjoro Direktoro,

Mi permesas al mi submeti al via legantaro la proponon de Esperantistaj Gasttabloj, kiun mi jam faris en no 56 de « Belga Sonorilo ».

La utilo de tiaj kunvenoj estas ja nediskutebla :

1e Nur interparolante Esperante, la gasttablanoj tuj esprimas sin lerte kaj flue ;

2e Ili sciigas la aliajn klientojn de la trinkejo pri la ekzisto, la parolebleco kaj la beleco de nia lingvo ;

3e Vojaĝantaj samideanoj el iliaj urboj aŭ landoj trovas ĉe gasttablo Esperantistan hejmon ;

4e Utileco povas tiamaniere kuniĝi kun agrableco : ludoj, kantoj, ekskursoj, k. t. p.

Ĉu estas grava afero starigi gasttablon ? Tute ne !

En ĉiu grupo certe ekzistas du aŭ tri amikoj, kiuj jam de longe elektis iun bone konatan trinkejon kiel kunvenejon. Ili nur kunvoku tien unufoje ĉiusemajne aliajn (sed fervorajn) anojn de la grupo kaj... la gasttablo estas starigita ! Oni ludas, oni trinkas, oni fumas, oni trankvile babilas en Esperanto pri la okazintaĵoj kaj rimarkindaĵoj de la urbo, la lando, la mondo, kvazaŭ kiel oni parolus nacie. Kaj por tio oni neniel bezonas esti multnombre ; sufiĉas minimume duope, maksimume dekduope. Se oni estas plimultope, des pli bone : oni starigus novan gasttablon. Kiam unu el la amikoj vojaĝas, li sendas Esperantajn kartojn al la gasttablejo.

Do, nenia regularo ! nenia devigo, krom paroli Esperante ! Eĉ se vojaĝanta Esperantisto trovus neniun amikon, jus kiam li dezirus viziti la gasttablon, oni helpus lin : la trinkejestro plezure donis al li adresojn de kutimuloj.

Nu, en Antverpeno ni jam tre klare vidis la praktikecon de la novaĵo. La senĉesaj klopodoj de la Stein'aj gasttablanoj atentigis iom post iom centojn da burĝoj pri la lingvo Esperanto. En la lasta vintra sezono la nombro da Esperantistoj en Antverpeno tri —, eble kvarobliĝis. La gasttablanoj povas fiere diri ke ilia agado produktis parton de tiu disvastiĝo. Ĝis nun ni jam ricevis ĉe nia gasttablo samideanojn (el nia lando, el Germanujo, Rusujo, k. t. p.) kies viziton ni kiel eble plej multe utiliĝis kaj agrabliĝis.

Mi ankoraŭ ne scias, ĉu mia propono estas realigata en aliaj urboj ; sed mi povas certigi tie ĉi ke niaj samurbanaj amikoj aprobas plene la ideon, ĉar nun ne malpli ol *kvar gasttabloj* jam ekzistas en Antverpeno. Mi do refaras la proponon kaj petas, pro praktikeco, ke el ĉiu loko, kie oni jam starigis Esp gasttablon, oni sendu pri tio sciigon al mi kiu plezure konatigos tiun adresaron.

Vi, aliurbanoj, kiuj intencas viziti la skeldan urbon, ne forgesu veni al iu el la jenaj gasttabloj, kie oni vin frate kaj ĝoje alprenos.

FRANS SWAGERS,
*16, Delinstrato — Antverpeno.*

Esperantistaj gasttabloj en Antverpeno :

*Hotel Stein*, Av. De Keyserlei, ĉiusabate, 9a vesp.
*Limburgia* Berchem (stacio), merkrede, 9a vesp.
*Café Zomerhof*, Degaraadpl., jaŭde, 6a vesp.
» (Pl. de l'Aurore) sabate, 9a vesp.

# ESPERANTO-SOCIETOJ

Kontraŭ jara helpabono da 4 Sm. ni enpresas sen plia pago ĉiujn oficialajn komunikojn de la grupoj, kluboj, societoj, k. t. p. esperantistaj. Tiuj komunikoj estu kiel eble plej mallongaj. Ni instigas ĉiujn grupojn ke ili profitu tiujn speciale favorajn kondiĉojn kaj uzu nian gazeton kiel komunan perilon kaj interrilatigilon.

**Federacio de la Esperantistaj Grupoj Burgonjaj.** — La Dijonana Grupo — centra grupo por la jaro 1907-1908 — sciigas la Grupojn federaciitajn, ke la regula Kongreso de la F. E. G. B. sidos en *Dijon* la dimanĉon 22an de marto proksima. — Samtage, la dijonana grupo donos sian printempan feston, unua esperantista festo de la jaro.

*Je la deka matene.* — Labora kunsido : elekto de Prezidanto por 1908-09 ; ĉiuj grupoj nepre estu reprezentataj (ĉe la Universitato).

*Tagmeze.* — Festeneto (ĉe la Restoracio : *Au Marais*), (Prezo : fk. 3,75).

*Je la dua.* — Teatra festo (0,50 c. po unu seĝo). Programo estos sendata.

Tuj post la apero de « Esperanto » ĉiu grupo sendu la kalkulon kiel eble plej precizan de la partoprenantoj al la festeno kaj al la festo.

Nur kvar grupoj ne ankoraŭ sendis la jaran kotizaĵon. Do Federacio ekzistas enhavante ĝis 14 grupojn. Fortan vokon alĵetas la grupo de Dijon por ke la Burgonjaj gesamideanoj alvenu grandanombre,

*Sekretariejo :* Héluin, 65, rue des Godrans.

# ESPERANTO-KONSULOJ

Kontraŭ jara helpabono da 4 Sm. ni enpresas sen plia pago ĉiujn oficialajn informojn de la Esperanto-Konsuloj (Kreo, organizo, specialaj servoj farataj de ili, k. c.) kaj la anoncojn de la personoj, kiuj petas la servojn de la Esp. Of. Ni instigas ĉiujn konsulojn, ke ili profitu tiujn favorajn kondiĉojn kaj uzu nian gazeton kiel komunan perilon kaj interrilatigilon.

OFICIALAJ INFORMILO

**Beaune** (Francujo). — Esperanto-Oficejo, place de la Halle, deziras aĉeti originalajn propagandajn P. K. Sendi unu ekzempleron kun prezaro. Ĝi interŝanĝas sian gvidfolieton. Vendo de esperantistaj markoj. Adresoj kaj prezaroj de esperantistaj firmoj de bonaj vinoj. — *Konsulejo :* Piot, rue Carnot. — *Novaĵoj :* Bord-Esperanto, kanteto de Jadeau (0,30 centimoj po unu ekzempl.) ; La verda flago P. K. (2 Sd. po unu).

**Falun** (Svedujo). — Esperanto-Oficejo, Kung Karls-Grand, 8, respondas ĉiajn petojn pri sciigoj pri la urbo kaj la bela provinco Dalarne, kaj estas ĉiam preta helpi la Esperantistojn, kiuj venas al nia urbo, kaj al la neesperantistoj senpage traduki el Esperanto sveden kaj el sveda Esperanten.

**Bourg** (Francujo). — *Ekspozicio pri kampara kaj urba higieno* okazos de la 30ª de Majo ĝis la 8ª de Junio 1508 en Bourg. Gravaj premioj estos aljuĝitaj al la aŭtoroj de la plej bonaj planoj de kamparaj loĝejoj, farindomoj, k. a. Oni sendu la planojn, projektojn, k. c. al : *Maire* (urbestro) *de Bourg* antaŭ 30 Aprilo. Por pluaj informoj, skribi al : *Esperanto-Oficejo, Bourg* (Ain-Francujo).

**Le Creusot** (Francujo). — Esp.-Oficejo, 20 place Schneider donas senpagan gvidfolion, vendas Esperantaĵojn (ilust. kartoj de la fabrikejoj). Merkredon vespere, esp. kunvenoj ĉe kafejo Morrot, rue d'Autun.

**Châlons s/S.** (Francujo). — Esp.-Oficejo, ĉe Fino Blanchard, Boul. de la République. Gvidlibro, esperantaĵoj k. t. p.

**Bradford** (Anglujo). — Konsulo : A. T. Priestman, 12, Exchange Building.

**Dover** (Anglujo). — Konsulo : J. M. Finey, Admirality House.

**Liverpool** (Anglujo). — Esp.-Oficejo, 7 Berry Str. Vizitebla ĉiutage (vespere, marde kaj vendrede). Vendas Esperantaĵojn, abonigas Esp. gazetojn, liveras ĉiujn informojn. Oni petas, ke ĉiu Esperantisto uzu la la oficejon kaj librejon kiom eble plej multe kiel ejon por la profito de samideanoj.

**Reims** (Francujo). — Esp.-Oficejo, 5 Place Royale (telefono 436), Chauvillon, Konsulo Liveras ĉiujn informojn parole kaj letere pri Reims kaj la regiono : turismo, komerco kaj esperantismo.

# PERESPERANTAJ SOCIETOJ

**Internacia Unuiĝo de la Studentoj.**

*Ni prepariĝu.* — Karaj samideanoj ! Nur kelkaj monatoj forfluos, kaj la entuziasmitaj Esperantistoj de ĉiuj terpartoj kunvenos en Dresdeno por montri per la kvara kongreso al la tuta mondo la belecon kaj taŭgecon de nia amata sankta lingvo Zamenhofa. Ankaŭ ni studentoj devas pruvi ke la klera homaro aprobas kaj sankcias nian Esperanton kiel vere sciencan lingvon ! Tial ni kunvenu en Dresdeno multnombre kaj oficiale partoprenu ĉe la malfermaj kunsidoj. Laŭ nia regularo ni havos je ia tago dum la kongresa semajno : 1e konsiliĝan kunvenon de la komitato (§ 5 kaj § 12) ; 2e oficialan kunvenon de la mem-

# FELIETONO

## PIONIRO

Elihu Burritt estis naskita la 11ª de decembro 1811 en Bridgeport en la nordamerika unuiĝita Stato Connecticut.

Kune kun naŭ gefratoj li devis diligente labori de la infaneco.

Kiam la patro malsaniĝis, la mizero envenis en la hejmon de Elihu. Sed en la tago li laboris por la familio kaj en la nokto li maldormis por la malsanulo.

Kiam la patro mortis, la deksesjara Elihu fariĝis forĝisto. Baldaŭ fariĝinte lerta pri sia metio, li ankaŭ volis ĉerpi sciadon el libroj La martelego kaj la libro restis liaj amikoj Post penoj kaj multespecaj okazintaĵoj li fariĝis majstro en scienco, komprenante tridekon da lingvoj samtempe kiam li daŭrigis labori kiel forĝista submastro Kaj dume li fariĝis senegala apostolo por la paco.

Ĉia venko de malfacilaĵoj plaĉis al Elihu Burritt. La herooj de l'antikva tempo jam frue flamigis lian fantazion kaj ankoraŭ longtempe poste la heroaĵoj sur sanga batalkampo estis objektoj de lia admiro. Sed per siaj historiaj, geografiaj, filozofiaj kaj astronomiaj, ne malpli ol siaj lingvaj esploroj li iom-post-iom leviĝis al vasta vidaĵo de l'mondo kaj fariĝis amiko de paco.

Siajn pacifismajn ideojn disvastigis li ĉien en Ameriko. En urboj kaj vilaĝoj, ĉe la plej malproksimaj kolonioj ĝis al la domaĉoj de l'arbaranoj, ne malpli ol en la domoj de influaj kongresanoj ĉie aperis tiuj ĉi elsenditoj de la paco, kiuj fine transflugis ankaŭ la maron al la malnova mondo.

Indiferenta pri la moko kaj la persekutoj de la kontraŭstarantoj, li senĉese laboris ankaŭ per la viviga vorto kaj fondigis societojn por la paco ambaŭflanke de la Oceano.

En la komenco de 1847 Burritt venis al Anglujo. Li piediris tra la tuta lando, senlace predikante pri paco inter la popoloj.

Kun admiro li vidas 700,000 kamparajn laboristojn okupatajn ĝardenigi la Britan insulon, sed kontraŭe al li ŝajnas terure, ke unu pereiga pafo kostas tiom kiom la salajro por la peniga laboro de tia viro dum unu tuta jaro. Kiel alie ne rezultus tiu ĉi komparo nun post sesdek jaroj !

Li kalkulas, ke la militado komence de la 19ª centjaro donis al Eŭropo koston, kies rentoj estus sufiĉaj por ekstermi ĉian malriĉecon en tiu ĉi parto de l'mondo. Li atentigas, ke la elspezo por la ŝuldoj de la milito kaj de l'armita paco estas hereda de generacio al generacio. « Kaj plue senfinaj sumoj estas malŝparataj », diras li, « por pagi al armeamasoj, kiuj ĉiam estos pretaj kun malvarma sango sin ĵeti sur siajn samteranojn, jes, se tiel estos ordonate, siajn patrojn kaj fratojn, ne sciante pro kio ili mortigos ».

Fininte sian laboron en Anglujo, kie li alvokis la atenton de l'popolo kaj akiris multajn kaj fidelajn kunlaborantojn, Burritt vojaĝis en Francujo la someron de l'jaro 1848 por ankaŭ en tiu ĉi lando serĉi teron favoran al siaj ideoj.

Malgraŭ ke li ne venis dum jaro de paco, li tamen tie ĉi diversloke renkontis komprenon kaj simpation. Nature la mokoj ne mankis. Sed ili efikis al Burritt tiel same kiel muĝanta ŝaŭmo ĉirkaŭ la ŝtonego. Li igis siajn samideanojn klopodi por ke en la konstitucion de la dua respubliko estu enprenotaj reguloj pri akcelado de arbitracio kaj senarmigo. Kaj internacia kongreso preskaŭ estis okazinta en Parizo.

Sed la konstraŭstaro estis tro potenca, kaj oni devis tiun ĉi fojon forlasi la intencojn.

Poste tamen al li prosperis kunvenigi pacamikojn el multaj landoj al internaciaj kongresoj en Bruxelles 1848, Paris 1849 kaj Frankfurt 1850.

Burritt kredis, ke la ekkomenco de milito ĉiam povos esti malhelpata, se nur kelke de la grandaj ŝtatoj konsentiĝos kontraŭstari al ĝi.

Estis lia opinio, ke kongreso de la nacioj leĝodonante al la popoloj kaj juĝante pri iliaj registaroj, faros la plej superan juĝantaron de l'mondo. Antaŭ lia plej alta tribunalo ĉiuj popoloj de l'mondo fine deviĝos cedi.

Krom tio kion Burrit iniciatis al la arbitracia afero, li estis la unua kiu konvinkege akcentis la ekonomiajn profitojn de la propaca movado. Li estis ankaŭ la unua sociala reformisto, kiu senpere aliĝis laboristajn demandojn al tiu movado. Kaj neniu pli klare ol li observis la malprudentecon de la armita paco, malgraŭ ke lia tempo estis ora tempo kompare al la nuna.

Burritt daŭrigis ĝis la finiĝo de sia vivo senĉese labori por siaj pacideoj. Sed li restis fidela al sia metio kiel forĝisto Kaj el ĝi li alportis nomojn al kelke da siaj pacverkoj, eldonitaj dum pli malfrua aĝo, kiel « Fajreroj el la amboso », « Voĉoj el la forĝejo », k. t. p.

Li finis sian benigan vivon en Newyork la 7an de Marto 1879

La popoloj de l'estonteco estimos lin kiel unu el siaj komune plej grandaj memorinduloj.

# ANEKDOTOJ

*« La ruzo de l'Kuracisto ».*

Maljuna kuracisto, konata pri sia humoro, estas konsultita de nobla familio. Ĉe lia alveno oni sciigas al li, ke la servistino estas malsana. Oni kondukas lin en la dormoĉambron de la servistino kaj tiu ĉi sekrete parolas al li : « Ho! sinjoro doktoro, mi tute ne estas malsana, sed mi ne povas ricevi mian salajron kaj pro tio mi ĉiam kuŝiĝas tiel longe, ĝis miaj gesinjoroj donas al mi la monon ». Surprizita, la kuracisto aŭskultas tiun ĉi sekretan sciigon kaj tiam parolis : « Liberigu al mi spacon en via lito, mi ankaŭ kuŝiĝos, ĉar mi ankoraŭ estas ricevonta tridek spesmilojn, de via familio, sed mi ne povas ricevi ĝin ».

*Enigmo.*

Kio ĝi estas ? Oni eniras per unu truo kaj oni denove eliras per tri truoj kaj tiam oni estas meze de tiu.

HOSUBMAUQ. ˙ozıɯǝƆ

broj (§ 14); 3e amuzan festeton (§ 15). Promesante, ke la estraro penos fari la kunsidojn kiel eble plej ordaj kaj interesaj, ni petas niajn karajn kolegojn : Propagandu por Esperanto ! Varbu novajn anojn ! Parolu ofte nian lingvon kaj venu Dresdenon !

*Al niaj Germanaj kolegoj.* — Samideanoj ! Ne malprave oni ofte nomis vian patrujon la « landon de la hejmeco kaj gajeco ». Nun proksimiĝas okazo je kiu vi povos pruvi la veron de tiuj ĉi diroj. Dum la kvara kongreso, alinaciaj studentoj vizitos la belan urbon Dresdenon. Do estas via devo fari al ili la restadon en via patrolando kiel eble plej agrabla. Se vi ne ankoraŭ aliĝis al la « Internacia Unuiĝo de Studentoj », faru tion tuj ! Venu Dresdenon ! partoprenu en niaj kunvenoj, kaj helpu nin plibeligi nian feston !

En la nomo de la I. U. S., *E. Wichert*, prezidanto, Altonaerstr., 18, *Berlin-N-W. 23.*

*Aliĝoj.* — 61. F. Seligman, Wilfriedgasse, 15, Zürich. V. — 62. Jhos. Smith, Alderley Edge, Manchester (Anglujo). — 63 H. Meulen, 19, Boscombe-Rd, London. W.— *Eliĝo* : S-ro E. Hay (34).

*Propono.* — S-ro Seligman (61) proponas, ke ni laŭ germana studenta kutimo portu ĉe la kongreso ĉapeleton verdan, poŝhorloĝan rubandon ĉirkaŭ la brusto, ĉiujn kun la koloraj strioj : verda - blanka - verda. Interesatoj skribu al li.

*Peto.* — Malnovaj kaj novaj membroj, kiuj ne ankoraŭ pagis la kotizaĵon por 1908, sendu al nia kasisto 1,50 fr.; ricevinte de li la kvitancon ili sendu 2 fr. al ESPERANTO.

*Korespondado* — S-ro Smith (62) volas korespondi pri botaniko, geologio, muziko kaj socialismo.

*Komitado.* — La reprezentanto por Germanujo, S-ro Drewes (51) pro tempomanko devis forlasi la oficon ; provizore la prezidanto alprenis ĝin.

**Internacia Societo de l'Esperantistaj Juristoj.** — La I. S. E. J. havas celon krei kaj konservi inter siaj anoj aferajn rilatojn, konigi al la fremdaj juristoj la samideanajn kunfratojn aŭ jurlaborantojn en ĉia lando, ebligi la sendon de aktaro en la plej malproksimajn landojn kun certeco trovi tie korespondanton, unuvorte unuigi la Esp. juristojn de ĉiuj landoj. La jara kotizaĵo kostas 15 m. ESPERANTO estas la oficiala organo de la I. S. E. J. por ĉiuj informoj, sin turni al S-ro Sergeant, 31, Bd Mariette, Boulogne-sur-Mer (Francujo).

OFICIALA INFORMILO.

*Nekrologio.* — Ni kun bedaŭro eksciis pri la morto de S-ro Emile Sergeant, patro de nia sindona ĝenerala sekretario Lucien Sergeant, advokato en Boulogne-s-Mer, kies grandan doloron ni partoprenas ; al li kaj al lia familio ni sendas la sinceran esprimon de niaj plej amikaj kaj simpatiaj kondoleneoj.

# ANONCETOJ

**TARIFO**

*Korespondado.* — Ĉiu enskribiĝo kostas 20 spesdekojn (fr. 0.75 ; 7 d. ; m. 0.60). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. La literoj P I. montras la korespondadon per poŝtkartoj ilustritaj ; la litero L. montras korespondadon per leteroj ; la literoj P M. montras interŝanĝon de poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage sian nomon unufoje.

*Petoj et proponoj.* — Ĉiu linio (40 literoj) kostas 8 spesdekojn (fr. 0.25 ; 5 d. ; m. 0.20). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

*Komercaj reklamoj.* — Ĉiu linio (40 literoj) kostas 16 spesdekojn (fr. 0.40 4 d.; m. 0.32). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj (speciale la hoteloj esperantistaj) rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

NOTO. — Oni sendu ĉian anonceton antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, ĉu al nia administrejo, ĉu al niaj lokaj agentoj aŭ al la Esperanto-Oficejoj. Oni skribu kiel eble plej legeble. Oni povas pagi per poŝtmandato, poŝtkuponoj internaciaj aŭ poŝtmarkoj. Ĉiu anonceto, ne akompanata de monsendo, ne estos enpresata. La Esperanto-Oficejoj estas petataj elmeti ĉiufoje niajn anoncetojn ĉe sia afiŝejo.

***

## Korespondado

*Legny* (Rhône-Francujo). — S-ro F. Vermorel. PI

*Bukareŝto* (Rumanujo). — Sub-leŭtenanto G. Savopol, 2a reg. Artileria. PI L.

*Oudewater* (Holando). — S-ro J. J. Nielsen, instruisto PI P. L.

*La Ricamarie* (Loire-Francujo). — S-ro Ferrière. 90, rue Gambetta (ĉefe pri komerco kaj industrio).

*Burnley* (Lancs - Anglujo). — S-ro E. Alec, 98, Elmstr. PI.

*Gevingey* (Jura-Francujo). — F-inoj Lucy Jouffroy, kaj Angèle Poirier, « St-Georges ». PI

*Barcelono* (Hispanujo). — S-ro K. J Camerino, pentristo, S.-Pedro, 12 PI.

*Le Creusot* (Francujo). — S-roj A. Minfeld, rue Condé, 37, kaj E Bœuf, rue de l'Artillerie PI.

*Roanne* (Francujo). — F-ino Martin, rue du Coq, 4. PI.

*Troyes* (Aube-Francujo). — S-ro F. Darbot, 6, rue de l'Egalité. PI.

*Troyes* (Aube-Francujo). — S-ro E. Herin, 4, rue Michelet. PI

*Geising bei/Dresden* (Germanujo). — F-ino G. Höhnel. P.

*Aïdin* (Azia-Turkujo). — S-ro Solon J. Orfanidés. PI.

*Vienne* (Isère-Francujo). — S-ro Bouzon, 21, rue Voltaire ; Huline, 30. cours Romestang ; Roussel, 4, rue Ponsard. PI. L.

*Midhurst* (Sussex-Anglujo).— S-ro S. Paxton, 6, Chichester-Rd.

## Petoj & proponoj

**Ekspozicio.** — La grupo de Marseille intencante aranĝi malgrandan esperantan elmontraĵon en la Instruada sekcio de la tiea Internacia Elektra Ekspozicio, danke ricevus, antaŭ la fino de Majo, de la fremdaj grupoj kaj eldonistoj, kelkajn esperantaĵojn, nome : poŝtkartojn esperante skribitajn, jurnalojn, librojn, k. t. p. Adreso : Esperantista Grupo, 52, rue Paradis, Marseille (Francujo).

**Adresaro.** — Oni petas insiste ĉiujn Esperantistojn, kiuj kolektas vidajkartojn, sendi per ilustr. poŝtkarto sian adreson al S-ro Leon Rosenstock. Crocovie (Aŭstrio), 1, rue de Lubicz. Iliaj nomoj estos publikigitaj en la baldaŭ aperonta Adresaro de poŝtkartkolektantoj. *Oni skribu plej legeble.*

**Kristanaj Unuiĝoj de junaj viroj.** — *Grava afero.* — Membroj de « Kristanaj unuiĝoj de junaj viroj » sendu bonvole sian adreson al S-ro P. Hübner, inĝeniero, Fr. Wilhem-str., 66, Mühhein-a Rhein (Germanujo).

**Korespondado.** — S-ro M. Fitzner, Gräbschnerstr., 46, Breslau (Germanujo), dez. koresp. kun angla amiko esper. kaj angle.

**Fotografio.** — S-ro J. Alexander, 57, Grey str., Burnley (Lanc-Anglujo), deziras korespondi kun ĉiulandaj gesamideanoj pri memfaritaj Fotoj (P. K.) aŭ alia P. K.

**Bibliofiloj.** — S-ro Philippe (agento de « Esp. ») en Aubry, Nord (Francujo), dankas la multajn respondintojn al O. B, kiuj baldaŭ ricevos provan Non de l'nova esperanta gazeto kun plenaj klarigoj pri *Unuiĝo de Bibliofiloj.*

**Korespondado.** — La Esperanta Rondeto, Zuriĥo (Svisujo), Steinwiesstr., 82, dez koresp. kun gesamideanoj per P. K kaj L. La membroj de l'E R Z. interŝanĝas PM. ĉiulandajn. Anoj de l'E. R. Z : S-ro A. Ammann ; F-inoj Blanka Bosshard, Elsa Bosshard, Sep. Maaz, M. Weber, P. Weber ; S-ro K. Walder.

**Franca lingvo.** — Sveda junulino deziras koresponde konatiĝi kun franca esperantista familio por trovi okupadon dum kelka tempo kaj spertiĝi en la franca lingvo. Volu respondi al Hedvig Winberg, Bengtsfors (Svedujo).

**Poŝtkartoj.** — Sendu 1 spesmilon al S-ro E. Laffont, fotog., Foix (Ariège-Francujo), kaj vi ricevos 12 belegajn poŝtkartojn kolorvidaĵojn de Foix, afrankatajn sur flanko vidaĵa.

**Reprezentado.** — S-ro Arthur Dey, rue Dewez, 26, Namur (Belgujo), respondas pri ĉiuspecaj demandoj koncerne komerco kaj industrio. Reprezentas kome can firmon.

**Informoj.** — Hradec-Kràlove (Königgrätz), Bohemujo Aŭstrio. Esperanto-Oficejo ĉe D-ro K. E. Krupka, Komercisto k-ŝtofoj. Inf pri komerco, tu ista historio (batalejo el 1866 milito pruso-aŭstria), k. a.

**Korespondado.** — Max Bousquet (22, rue Burdeau, Roanne, Francujo), 3 jara 9 monatoj, havos baldaŭ novajn pozojn kaj 500 kopiojn de siaj portretoj por sendi al ĉiuj fremdaj geamikoj, kiuj ne ricevis ilin. Li dezirus korespondadi precipe kaj speciale kun neeŭropaj simpatiaj geesperantistoj (de 3 ĝis 12 jaraĝaj).

**Inĝeniero.** — (29 j.) Germano, kiu parolas ankaŭ france, angle kaj esperante, serĉas ian akcepteblan situacion en la eksterlando, prefereble en Parizo. Modestaj salairpretendoj. Bonvolu skribi sub cifero 250, al la Redakcio de « Esperanto, 8, r. Bovy-Lysberg, Genève (Svisujo).

**Poŝtmarkoj.** — Vendebla belega kolekto da 1800 poŝtmarkoj, enhavata en belega albumo. Prezo : 35 frankoj. Sendo kontraŭ repago. Sin turni al S-ro Ferquel, 29, faubourg du Val-d'Ajol, Remiremont (Francujo).

**Gazetoj.** — S-ro H. T. Bailey, 31, Caversham-Rd, Kentish Town, London, deziras ricevi malnovajn Esperantajn jurnalojn. Bonvole sciigu nomojn kaj prezojn. Ĉiu, kiu eldonos novan Esperantan gazeton estas petata sendi sciigon.

**Malnovaj jurnaloj.** — G. Davidov, Rusujo, Saratov, kesto, 12, deziras aĉeti :

1. « Ĉilio Esperantista » pagos po 50 centimoj por ĉiu n-ro (por ĉiuj jaroj). 2 « La Pionoro » india, pagos altan prezon. 3 « Esperanto » de Sanander, pagos altan prezon. 4 Librojn no 3, 4, 8, 9, 13, 22, 23, 25, 30, 32, 34, 39, 40.

## Komercaj reklamoj

**Portretoj** — Zamenhofa k. aliaj Esperantistaj portretoj 30 × 40 cm. po 2 Sm. ĉe Thielking-Schöneberg-Berlin, Reichartstr., 3, (Germanujo).

**Propagandiloj.** — La Düsseldorfa grupo eldonis algluebłajn sigelmarkojn por korespondaĵoj, ankaŭ al neesperantistoj. Mendu ilin ĉe S-ro B Luis, Krononstr., 60. Düsseldorf (Germanujo). 100 ekz, 34 sd ; 1000 ekz., 2.69 sm ; 5000 ekz., 10 sm.

**Pension-Hotelo.** — *Bad-Nauheim* (Germanujo, « Villa Saussoni », pension-hotelo. Bismarck, 19. Posedanto, Ed. Förster, informejo por Esperantistoj. Moderaj prezoj pensionaj aŭ senpensionaj, proksime de la banejoj, ŝprucakvoj kaj kurparko, grandaj altaj ĉambroj, komforte meblitaj (precipe bonegaj litoj). Atentema servado. Oni parolas kaj korespondas Esperante.

**Reklamo,** — S-ro C.-A.-G. Browne, reklamagento, 53-54, Wych-Street, London, W. C. (Anglujo). deziras korespondi kun Esperantistoj pri anoncado en britaj, koloniaj kaj fremdaj jurnaloj.

**Rozarbetoj.** — S-ro Philibert Moussier rozkulturisto, Vienne (Isère, Francujo) kiel reklamon, sendos al la esperantistoj poŝtan paketon da 3 kg enhavanta de 10 ĝis 15 belegaj diversaĵoj de *Rozarbatoj* ; po poŝtmandato da 5 frankoj (2 Sm). Kesto de l'transporte plie.

**Ĵus aperis :**

## Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj

— informoj pri la Kreo kaj elekto de la konsuloj, organizo kaj servoj de la konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj, laŭ la decidoj de la kunvenoj de la konsuloj kaj delegitoj de Esperanto-Oficejoj dum la IIIa Universala kongreso de Esperanto.

Ĉiuj konsuloj grupkomitatanoj, aferistoj, k. a. nepre devas legi tiun broŝuron.

*Prezo :* 20 Spesdekoj (1 ekzemplero).
1,50 Spesmilo (10 ekz mpleroj).

Rabato du 33 % al la libristoj, Esperanto-Oficejoj, Agentoj de " Esperanto "

**Eldonejo :** 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svisujo).

*ĴUS APERIS :*

## POLA ESPERANTISTO

*Redak. :* D-r Leon Zamenhof ; Dr. K. Bein (Kabe) ; Leo Belmont ; A. B. Brzostowski ; Antoni Grabowski ; Stanislaw Schels ; A. Zahrzewki.

**Al la Komitato helpas per siaj konsiloj la Aŭtoro de Esperanto**
D-r LUDWIK ZAMENHOF.

**„ Pola Esperantisto " gardos antaŭ ĉio la purecon kaj naturan evolucion de nia lingvo.**

POSTULU SPECIMENAN NUMERON !

*Adreso de la Redakcio :*
Warsawa (Varsovio), Marszałkowska, 143.

*Adreso de la Administracio :*
Warszawa (Varsovio), Hoża No 40, m. 8.

*Abonprezo :*
Jare : 2 Sm ; Duonjare : 1 Sm, kun transsendo kaj aldono literatura.

## *Rubandoj*

Speciala fabrikejo por rubandoj, ordenaj bandoj francaj kaj fremdaj. Liveranto al la ministrejoj.

Laŭ mendo la firmo povas fabriki kiajn ajn rubandojn por industristoj kaj komercistoj, bandojn por ordenitoj, insignojn por societoj, kongresajn framasonajn rubandojn.

***Louis Reynaud***

*18 et 20, place Jacquard, St-Etienne* (Loire) *France.*

FELIETONO DE " ESPERANTO " 3

# LA LIBRO DE ESTER

**Originale verkis**

**A. KOFMAN**

La reĝino Seba venis al li de la suda Arabujo, kaj li, saĝoplena, kaŝiĝis en ĉambro, kies planko estis de dika vitro ; tiam Seba, pensante ke la planko estas sub akvo, levis sian robon, kaj Solomono vidis, ke ŝiaj piedoj estas kovritaj je haroj, kion li delonge suspektis ! Tion ĉi faris Solomono, la posedanto de la fama trono. Sed ci, sidante sur ĝi, kion ci faris? Ci eble pensis, ke Solomono tie lasis sur la sidejo kelkajn erojn de sia saĝeco kaj ke ili eble eniros per cia sidilo en cian malsaĝan kapon? Ne! Ci povas nur sidi kaj fari malsaĝajn ordonojn malgraŭ la majesta rono, cetere akirita ne de ci, sed de mia avo Nebukadnecar !

La sklavo finis transdoni la parolon de la reĝino kaj silentis. La gastoj mute rigardis la fundojn de siaj pokaloj kaj time pensis, kion ili faros, se la reĝo igos ilin akompani la reĝinon al la pordo de Cinevad, kiu kondukas al la juĝejo de la eksterteraj spiritoj, ĉar la kolero de Ahaŝveroŝ, kiam ĝi eksplodis, ne konis limon.

La reĝo leviĝis sur la trono, sed li diris kviete : — Nu, kion ni faros al la reĝino Vaŝti ? Diru, miaj saĝuloj, kion oni devas fari konforme la leĝoj al ŝi, kiu ne obeis al la reĝo Ahaŝveroŝ ?

Tiam al la reĝo apudiĝis la plej grandaj saĝuloj : Karŝena el Afriko, Setar et Hindujo, Admata el Edomo, Tarŝiŝ el Mizraim, Mires el Grekujo, Marsena el Romo kaj Memukan el Jeruzalemo. Memukan diris : — Ahaŝveroŝ, l'okulo de l'mondo ! Ci, kiu estas la leŭtenanto de Ormuzdo same kiel la bondezirema Bahaman ! Ci, simila al la genio de la ĉiopuriganta fajro, la dio Ardibekeŝt ! Malfermu la orelojn al cia sklavo ! La reĝino Vaŝti malbone agis ne sole rilate ci, sed ankaŭ rilate ĉiuj sinjoroj kaj ĉiuj popoloj de Persujo, ĉar la faro de la reĝino estos ekzemplo por ĉiuj virinoj, kaj ili malestimos siajn edzojn. Ili forgesos, ke laŭ la persa religio la edzo estas la dio de sia edzino ; ke ĉiumatene, etendiĝante antaŭ li, ŝi devas fari al li sian preĝon ; ke al ŝi ne estas permesata adori alian dion krom la edzo. Ili diros : « La reĝo Ahaŝveroŝ ordonis, ke oni konduku al li reĝinon, kaj ŝi ne volis veni. De nun ni ankaŭ rifuzas obei al niaj edzoj : ĉu ili estas pli gravaj ol la reĝo ? » Por forigi tiun ĉi malbonon, oni publikigu edikton, kiu anoncus, ke ĉar la reĝo volas edziĝi je virino, sed ne je avo. Krome, la edikto devas klare diri, ke estas malpermesate, ke la virinoj havu siajn edzojn sub la pantoflo.

— Kio rilatas la fieran parolon de la reĝino pri Nebukadnecar kaj la trono de Solomono la Saĝa, — diris Marsena, — mi proponas al ŝi sekvante : jes, ni konas la miraklan econ de tiu ĉi trono. Gi havas sep ŝtupojn. Sur la unua kuŝas ora leono kaj sur la dua, kontraŭ ĝi, ora bovo ; sur la tria estas ora lupo kaj sur la kvara, kontraŭ ĝi, ora ŝafo ; sur la kvina staras ora kato kaj sur la sesa, kontraŭ ĝi, ora muso. Kaj la bovo neniam forkuris de la leono, la ŝafo de la lupo, la muso de la kato, ĉar ĉiuj vivis pace sub la ombro de la justeco de Solomono la Saĝa. Kaj kiam venis falsa atestanto, la leono tondris, la bovo blekis, la lupo dentoklakis, la ŝafo plendokriis, la kato miaŭis, la muso pepis. Sed kiam cia avo Nabukadnecar venigis la tronon en Babilonon kaj volis leviĝi sur ĝin, li ne sciis, kiel ĝin fari, kaj apenaŭ li metis la piedon sur la unuan ŝtupon, la leono frapis lin, kaj li fariĝis lama. De la timo Nebukadnecar senvole malpurigis la tronon kiakaŭze ĝi perdis sian forton, kaj la bestoj ĉesis funkcii. Ci malsaĝulino, kiu fieras je Nebukadnecar kaj Evil-Merodaĥ ! Ci forgesis ke cia avo estis granda malpiulo, kaj la dioj punis lin, transforminte lin en bovo, kiu sep jarojn kuris en arbaro sur siaj kvar, sen pantalono, manĝis la herbon, havas kompanion kun bestoj kaj ke li mem estis besto sen prudento ? Fine, kiam la dioj pardonis lin, li reĝiĝis denove por baldaŭ morti. Kaj kiam li estis mortinta, kaj cia patro Evil-Merodaĥ surtroniĝi, la popolo rifuzis tion ĉi dirante : kiu al ni garantias ke Nebukadnecar efektive mortis ? Eble li ankoraŭ reviviĝos same kiel li antaŭe estis bovo kaj poste rehomiĝis ? Li tiam nin punos, ĉar ni permesis al ci surmeti lian tronon. Li povos diri : kial vi ne atendis min almenaŭ sep jarojn ĝis mi reviviĝos? Tiam Evil-Merodaĥ, aŭdinte tion ĉi, diris : Ne timu, ĉar mia patro estas mortinta, pli mortinta ol kadavro. Por pruvi tion ĉi li ordonis meti ĉirkaŭ la kolo de Nabukadnecar feran ĉenon kaj treni lin en la stratoj antaŭ la publiko dum heroldoj kuris antaŭe kaj kriis : « Rigardu, jen Nebukadnecar ! Li estas pli mortinta ol kadavro ! » Tiam la popolo konsentis kun la filo de Nebukadnecar, kaj tiamaniere Evil-Merodaĥ ricevis la tronon per petegoj kiel almozulo, sed ne kiel heroo. Jen kiu estis cia avo kaj cia patro !

Tiuj ĉi paroloj plaĉis al la reĝo kaj al la sinjoroj, kaj la reĝo faris, kion Memukan kaj Marsena diris. Oni sendis cirkulerojn al ĉiuj provincoj, konforme ilia skribmaniero, kaj al ĉiu popolo, laŭ ĝia lingvo, por ke ĉiu viro estu sinjoro en sia domo. Samtempe oni transdonis al Vaŝti la parolon de Marsena. Kio rilatas la finon de la reĝino, oni ne scis precize kiamaniere oni ĝin faris. Kelkaj saĝuloj pensas ke oni faris al ŝi specon de pogromo laŭ la speciala metodo de la sovaĝaj Scitoj norde de la Ponto Eŭksina : oni sekcis al ŝi la ventron kaj oni remburis ĝin per plumoj.

IV

Por trovi novan edzinon al la reĝo oni decidis kolekti ĉiujn junajn kaj belajn virgulojn, krei komision en ĉiu provinco de Persujo kaj kunvenigi la elektitojn en la domo de la reĝo sub la kontrolo de Hegaj, eŭnuko de la reĝo kaj gardisto de liaj virinoj. La fraŭlino, kiu plaĉos al la reĝo Ahaŝveroŝ, prenos la lokon de Vaŝti.

Tiutempe vivis en Suŝan hebreo, je la nomo Mordeĥaj, filo de Jair, filo de Simej, file de Kiŝ, Benjamenido, kiu estis transportita de Jeruzalemo kune kun la kaptitoj en la tempo de Nebukadnecar. Mordeĥaj edukis ĉe si la filinon de sia mortinta onklo Abiĥail. La orfino, kiu hebree nomiĝis Hadasa kaj perse Ester, estis bela kaj de edzinigebla aĝo.

*(Daŭrigota).*